




5/2003
Aŭgusto/Septembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.




Lars Sözüer, Benno Klehr (ene), Mariko Aoshima kaj Gerald Roemer    Foto: Jutta Sültz

# Eŭropa Semajno 2003

Fine de Aprilo ni de nove havis eblecon, informi pri Esperanto sur la placo antaŭ la Hamburga urbodomo. La lignan budon oni disponigis al ni senkoste por la tuta semajno, sed ni nur sucesis por la semaojnfino trovi "deĵorantojn". Kvankam multaj vizitantoj de la Eĵropa festo nur interesiĝas pri manĝaĵoj kaj trinkaĵoj el diversaj landoj, ni klopodas atingi ankaŭ pri la lingva situacio en kreskanta Eŭropa Unio. Ĉiujare.

ehh

| | |
|---|---|
| **Editoraĵoj**<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidantino: | **Karaj legantoj,**<br>somero estas la tempo por la Universala Kongreso. En tiu ĉi jaro ĝi okazos en Svedio, fakte relative proksime al ni. Sed Svedio por Germanio ŝajnas multekosta lando, kaj multaj Germanaj Esperantistoj ne havas multan monon por elspezi en |

| | |
|---|---|
| Dr. Vesna Stanicic-Burchards<br><br>Redaktoro: Benno Klehr<br><br>Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de | ferioj. Venontjare la UK okazos en Pekino: Ĉinio ne estas tiom multekosta lando, sed la vojaĝo tien estas longa kaj tre multekosta. Do ni atendu ĝis 2005. Tiam la UK estos en Vilnius en Litovio. Bone! Atingebla sen ŝipo aŭ aviadilo, relative malmultekosta. Sed en 2004 Litovio fariĝos membro en EU! Ni esperu ke tamen la prezoj ne tro altiĝu - kaj ni pripensu kiom valoras al ni UK.<br><br>*Benno Klehr* |
| Redaktofino de<br>Esperanto HAMBURG<br>n-ro 6/03: 15-09-2003 | |
| **Sentenco**<br>Eĉ guto malgranda<br>konstante frapante,<br>traboras la monton granitan.<br><br>*Zamenhof* | Du und Deine Welt<br>la granda ekspozicio por ĉiu<br>29.8. - 7.9. 2003<br>La Hamburgaj Esperantistoj<br>denove havos standon.<br>Helpemuloj bonvolu anonciĝi ĉe Benno Klehr:<br>Tel. 040 - 43188347<br>aŭ en la klubejo. |

**Peto de GEA**

Karaj Esperanto-aktivuloj en Germanio,
ich möchte nochmals auf ein wichtiges Problem hinweisen, das wir alle in einer konzertierten Aktion lösen können: Die Bedingungen für die staatliche Förderung von Jugendorganisationen ändern sich mit Beginn des nächsten Jahres. U. a. ist eine Mitgliederzahl von mindestens 4.000 Voraussetzung um Zuschüsse zu Veranstaltungen, Werbematerial ... erhalten zu können. Derzeit hat GEJ etwas über 2.500 Mitglieder, fehlen also rund 1.500. Das ist machbar, wenn wir alle dazu beitragen: GEJ hat neben den Mitgliederkategorien A und B (Beitrag ab 8,- €) auch die beitragsfreie (!!!) Kategorie C: C-Mitglied werden Jugendliche zwischen 14 und 27 Jahren durch einfaches Unterschreiben der Sympathie-Erklärung: "Ja, Esperanto finde ich gut! Als leicht zu erlerndende Zweitsprache für jeden schafft Esperanto internationale Kontakte von Mensch zu Mensch. Überall." Ich möchte Sie alle nun herzlich bitten, bei allen Informationsveranstaltungen und -Ständen diese Unterschriftenaktion in den Mittelpunkt zu stellen. Sprechen Sie auch Jugendliche im eigenen Familienkreis, in der Nachbarschaft, in der Schule, in der Uni an. - Drucken Sie sich das beigelegte Formular (für jeweils 10 Mitlieder) in der benötigten Stückzahl aus und schon kanns losgehen...
[liegt im Esperanto-Haus aus. Red.]
Gemeinsam können wir es schaffen, bis zum Jahresende die noch fehelenden Mitglieder zu erreichen.
Mit freundlichen Grüßen
und den besten Wünschen für einen gemeinsamen Erfolg,
Ursula Niesert

**Fotoj por Du und Deine Welt**
Ni petas ĉiujn, kiuj havas **bonajn novajn** fotojn el Esperanto-kongreso / kunveno, kunporti ilin al la kluba kunveno la 7an de Aŭgusto, por ke ni tiam komune eltrovu la plej varbado taŭgajn por la ekspozicio.
Ni planas mendi grandformatajn fotojn, do necesas la negativoj. BK

**Konstruado en la Esperanto-Domo**
La luantoj de la oficejo en la Esperanto-Domo proponis al la estraro de HES, anstataŭ kiel planite novkonstrui la montofenestron, unue renovigi la necesejojn en la suba etaĝo.
En estrarkunsido estis diskutita, kiamaniere renovigi la necesejojn kun la plej bona rezulto. Oni konstatis ke la domo estas 45-jara, kaj la klubo ĝis nun nenion investis en tiun parton de la domo. Aperis la ideo, ŝanĝi la tutan necesejan sekcion de la ŝtuparo ĝis la salono, se la financoj de la klubo tion ebligas.
Benno Klehr, komisiito pri la domo, petis, laŭ interreta listo, kosto-ofertojn de konstru-firmaoj, kiuj laboras intermetie.
La kosto-oferto de firmao ***Intec*** estas tre detale ellaborita, kvarpaĝa. Ĝi eĉ enhavas la kostojn de malmuntado de malnovaj lampoj kaj por la forprenado de la rubo; do ne aldoniĝos kromaj kostoj, kiuj ne estis konsideritaj antaŭe.
La ĉeestantaj estraranoj kaj membroj de la konsilantaro, la 10an de Julio 2003, taksis la oferton tre favora.

La estraro decidis, jam ĉi-somere komenci la konstruadon:
1. Plilarĝigo de la koridoro, ŝanĝo de la pordoj de la necesejoj kaj konstruado de ĉambreto por gasto.
2. Metado de kaheloj sur la plankon ek de la ŝtuparo kaj en la antaŭĉambroj.
3. Instalado de moderna ekipaĵo en la necesejoj.

**La tuto kostos 17.000 €.** La luantoj transprenos 3.000 € kaj la klubo plilongigas la lukontrakton kun ili ĝis Oktrobro 2006. Tiel restas 14.000 € pagendaj de la klubo.
Laŭ la buĝeto por la fenestro estis planitaj 5.000 €, do la bonhavo de la Societo fine de la jaro ne estos 21.400 € sed 12.400 €.

**Ŝanĝo en la estraro den HES**
Estrarano Lars Sözüer trovis novan laboron kaj ne plu loĝas en Hamburg. La estraro de Hamburga Esperanto-Societo laŭstatute rekompletigas sin. Nova estrarano estas **Jürgen Wulff** ĝis la venonta jarĉefkunveno en Februaro.

**Nia programo**

| Aŭgusto 2003 | Septembro 2003 |
|---|---|
| **7** *Partopenintoj raportas pri:* **Internacia Junulara Kongreso 2003**<br><br>**14** *Partopenintoj raportas pri:* **Universala Kongreso 2003**<br><br>**21 Hamburga Somero Retrospektivo**<br><br>**28** sen speciala programo | **4 Lingvaj Ludoj Ubatu - Tabuo**<br><br>**11** sen speciala programo<br><br>**18** *Werner Bormann:* **Diskuto pri la nova kostitucio de EU**<br><br>**25** 18 h: **Estrarkunsido**<br>20 h: *Vesna Stanicic-Burchards:* **Projekto de EU pri lingvoj** |
| **Provleciono Schnupperkurs post la ekspozicio Du und Deine Welt Sabaton, 13.9. 14-18 h**<br><br>**bonvolu informi interesitojn!** | **Ralph Glomp kantas en la klubejo Lundon, 21.07. je la 20a horo** |

---

**Projekto *Lernu***

Startis nova projekto de KD-romo kiu celas en KD-igi la enhavon de la multlingva TTT-ejo "lernu" kiu ebligas lerni Esperanton per ĉ 20 naciaj lingvoj, inkluzive de la ĉina, la turka, la litova...
Ĝi devus aperi por antaŭ la grandaj ĉi someraj espo-kongresoj. "Lernu!" entenas diversajn kursojn por lerni Esperanton kun diversaj instru-metodojn, vortarojn, gramatikon, plurajn facilajn tekstojn kaj ankaŭ ludojn kaj iom da muziko kun la tekstoj. La tuta enhavo de la KD-romo atingeblas per klarigoj en 20 naciaj lingvoj. Estas rezulto de kunlaboro de pluraj dekoj da Esperantistoj el la tuta mondo kun financa subteno de la usona "Esperantic-Studies Foundation". Inter la ĉefaj kunlaborantoj de la projekto estas tre seriozaj kaj spertaj Esperantistoj lingve kaj internacie, kiel Bertilo Wennergren, Cleve Lendon (klivo), Hokan Lundberg, Sonja Petrovic, Aaron Chapman, Clayton Smith...
Pri la muziko estis farita elekto de la aktuala espomusiko. Tiu elekto estis longe pripensata inter muzikfakuloj Gunnar Fischer, Flo (Vinilkosmo/EUROKKA) laj Zav Godivier (JEFO) kaj prezentos larĝan muzikstilan panelon de kio ekzistas en esperanto. Ĝi estos bona varbilo por espo-muziko interalie.

---

**Radio-muzika konkurso ĉe Pola Radio (Radio Polonia)**

Estis priparolate inter Radio Polonia kaj Vinilkosmo/Eurokka organizado de pri esperanto-muzika konkurso pere de la esperantoprogramon de Pola Radio. Dum la ĉi Eŭropaj someraj ferioj kaj esperanto-renkontiĝoj kaj poste, estu atentaj ne maltrafu la elsendon de Pola Radio en esperanto ĉar ĉiuj ingredientojn por gajni la konkurson ekestos. Klariogojn, regulojn kaj demandojn de la konkurso vi trovos tiam en la ekde nun vizitenda hejmpaĝaro de Pola Radio: http://www.radio.com.pl/polonia.

Laŭ informletero por muzikŝatantoj

---

**95 jarojn Esperanto en Rostock**

La festkunveno okazos de 5a - 7a de septembro 2003.

Nia provizora programo:
**Venderedo** la 05an de septembro 2003.
posttagmeze: akcepto de la partoprenantoj en Hotelo *Nordland*
vespere (20.00 horo): interkona vespero kun prelegoj.
**Sabato**, la 06an de septembro 2003
10.00 - 12.00 horo festaranĝo en gastejo *Ratskeller* de urbocentro en Rostock (prelegos dro. D. Blanke, prezidantode "Gesellschaft für Interlinguistik"),
12.00 - 13.00 horo, tagmanĝo en la sama gastejo, per ŝipo al la "Internacia Gardenkultura Ekspozicio" -IGA-
18.00 - 20.00 horo, vespermanĝo kaj kultura programo.
**Dimanĉo**, la 07an de septembro 2003
10.30 horo *Petri-kirko*, (preĝejo)" kun belega rigardo al Rostock, vizito de *ŝipvetura-muzeo* de Rostock.
13.00 horo, la komuna tagmanĝo en gastejo *Fischers Fritze* en ĉefa stacidomo finiĝos la festkunvenon.



**Tranokton vi bonvolu mem mendi.**

Aliĝo je la kunveno: Magret Schattenberg, Bremer Str. 6, 18057 Rostock tel.: 0381 / 2006227 e-mail: magretS@web.de.
Laŭ deziro ĉiu ricevos iom antaŭ la kunveno precizan programon (bv. sendi al mi afrankitan leteron kun via adreso).

---

Ni funebras pro la forpaso de du multjaraj membroj

| | |
|---|---|
| <br>Hella Lanka<br>1925-2003 | <br>Walter Kahlert<br>1922-2003 |
| Hella Lanka naskiĝis en Gera en Turingio. En 1946 ŝi venis al Hamburg kaj eklaboris ĉe la polico. Jam en 1948 ŝi fariĝis membro de Hamburga Esperanto-Societo. Dum multaj jaroj ŝi estis sekretariino kaj kasistino de la klubo. Malgraŭ diversaj malsanoj kaj pluraj operacioj ŝi ĉiam estis preta helpi en iu ajn laboro por Esperanto. Samtempe ŝi ankaŭ en aĝo de 78 jaroj estis aktiva en Kristana Esperanto Ligo, Sociala Ligo, Konsilantaro de maljunuloj, Vivosavantoj kaj aliaj.<br>Ŝi mortis laŭ sia vivostilo: Survoje al kunveno de la Sociala Ligo ŝia koro ĉesis batadi. | Walter Kahlert lernis la profesion de dento- teknikisto. En 1960 li fariĝis membro de Hamburga Esperanto-Societo. Li apartenis al tiu generacio de Esperantistoj por kiuj estis "sankta devo" ĉiusemajne viziti la klubkunvenojn. Dum multaj jaroj li estis membro de konsilantaro de HES kaj kunlaboris ein laborgrupo Arbeitskreis Esperanto. Li vizitis multajn kongresojn kaj plurfoje vojaĝis kune kun sia edzino la la Esperanto-kastelo Gresillon. Lia sanstato dum la lastaj jaroj ne plu permesis multan aktivadon.<br>Pro pneŭmonio li estis portita al hospitalo, kie li mortis 81-jara. |

Re al Esperanto en Hamburg